# ILERA bulteno n-ro 77

junio 2018

Internacia Ligo de Esperantistaj RadioAmatoroj

**Enhavo**



## Estraro de ILERA

**Prezidanto**

JA1FXZ – Josikacu Tanaka (Jojo)

**Vic-Prezidanto**

DJ4PG – Hans Welling

**Sekretario**

PT2CA – Enivaldo Alves Silva

**Kasisto**

DF7TZ – Karl Heinz Schaeffer

Kara leganto,

Jen nova eldono de "ILERA-Bulteno", kiu atingas numeron 77, post 18 monatoj ekde numero 76a.

Ĝi estas rezulto de forta streĉo kaj strebado de la kuba grupo de esperantistaj radioamatoroj, kiu plej multe kontribuis per kolektado de materialo kaj redaktado de diversaj artikoloj, sub kunordigado de CM2MM – Javier, al kiu ni multe dankas, kiel ankaŭ al Yordán - CM2YGO kaj ceteraj esperantistaj radioamatoroj en Kubo. Dankon ankaŭ al Dorido - JI1WCL, Hans – DJ4PG kaj Jojo – JA1FXZ pro la kontribuoj.

Eble mirigos vin la fakto, ke la plimulto de la temoj kaj informoj rilatas al kuba e-radioamatora movado, kiel rezulto de ilia agemo kaj ***kunlaboro***, cetere ŝilosil-vorto pri kiu vi legos sekve. Ne forgesu konsideri, bonvole, ke nia Asocio ankoraŭ multe bezonas **KUNLABORO**n de ĉiuj ileranoj, por ke ni plutenu ILERAn vivantan.

**Enivaldo – PT2CA**
ILERA-Sekretario

*NDR: Vizitu la grupon de ILERA ĉe* YAHOO!.

http://groups.yahoo.com/group/esperanto_amatoroj/

# ILERA-Konkurso 2017

Jen la raporto sendita de la kunordiganto de la Konkurso, DJ4PG (Hans), kun listo de la partoprenantoj. Rimarkeblas, ke nur 15 el 28, t.e. 53,6% de la partoprenantoj sendis sian raporton al DJ4PG, domaĝe. Sekve, kion diras Hans:

*Jen listo de la partoprenantoj en nia konkurso 2017. Mi nur listigas tiujn 28 staciojn, kiuj estas konataj kiel esperantistaj.*

*Malgrau malbonaj kondiĉoj je mallongaj ondoj la rezulto estis relative bona. Echolink helpis. Sed almenaŭ mi ne sukcesis aranĝi multajn MO-kontaktojn per ĝi.*

| Partoprenantoj en ILERA-Konkurso 2017 | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 4Z4LX | 7N4FXD | JN4MPR | 7N4MPZ | CE4CK | DJ4PG | DL0BRA |
| DL0MUE | DL1CC | DP5E | DK8RE | GØOOS | IK2RMZ | JA1FXZ |
| JA1NYB | JA1YAR | JI1WCL | JN4FXD | JN4MPZ | JO1JAM | KD9JNQ |
| KV2C | LY2FN | MØESP | N3GD | PT2CA | TG9NME | UA9UNK |
| UA9YHA | | | | | | |

*Krome ĉirkaŭ 80 ne-esperantistaj stacioj partoprenis. En Echolink ĉe mi aperis BA5BAA, Tai, sed mi ne sukcesis konekti lin.*

| Rango | Voksigno | Kont | Kont EL | Kont HF/VHF | Stac | Bend | Land | Akt |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | DL1CC | 119 | 14 | 105 | 94 | 6 | 26 | 20 |
| 2 | JA1FXZ | 26 | 7 | 19 | 11 | 10 | 4 | 5 |
| 3 | DJ4PG | 24 | 23 | 1 | 13 | 2 | 10 | 15 |
| 4 | JA1YAR | 20 | 0 | 20 | 5 | 10 | 1 | 4 |
| 5 | Ji1WCL | 19 | 14 | 5 | 16 | 3 | 10 | 38 |
| 6 | JN4MPZ | 18 | 0 | 18 | 4 | 8 | 1 | 20 |
| 7 | IK2RMZ | 16 | 10 | 6 | 10 | 1 | 10 | |
| 8 | PT2CA | 12 | 12 | 0 | 11 | 1 | 9 | 8 |
| 9 | TG9NME | 11 | 11 | 0 | 11 | 1 | 8 | 6 |
| 10 | 4Z4LX | 10 | 10 | 0 | 10 | 1 | 8 | 5 |
| 11 | JO1JAM | 8 | 0 | 8 | 8 | 2 | 1 | 5 |
| 12 | JN4FXD | 8 | 6 | 4 | 4 | 2 | 2 | 5 |
| 13 | JA1NYB | 8 | 7 | 1 | 7 | 2 | 5 | 3 |
| 14 | KD9JNQ | 4 | 4 | 0 | 4 | 1 | 4 | |
| 15 | LY2FN | 2 | 0 | 2 | 1 | 2 | 1 | 2 |

Hans B. Welling/DJ4PG

## Esperantistoj en Kuba Regiona Kongreso de Radioamatoroj

De la 13a ĝis la 15a de oktobro 2017 okazis regiona aranĝo de la FRC organizita de Filio Havano. La aranĝo okazis en la kampadejo "Las Caletas" en Santa Cruz del Norte, provinco Mayabeque.

Tiu ĉi aranĝo taŭgis por ke pli ol 50 radioamatoroj el diversaj radiokluboj de nia ĉefurbo interkonatiĝu kaj interŝanĝu siajn spertojn por plibonigi sian laboron. Radioamatoroj el nia Speciala Radioklubo Esperanto partoprenis (Rolando Madrigal/CO2LCR, Yordán Fonseca/CM2YGO, Javier Ramos/ CM2MM kaj Francel Briel/CL2FBG). Ni prezentis niajn spertojn kaj rakontis pri Esperanto en radioamatorismo kaj specife pri nia laboro en la lastaj jaroj. Kiel parto de la programo, ni informis pri niaj e-kursoj kaj invitis al ĉiuj partoprenantoj lerni la internaciajn lingvon Esperanto kiel alternativo por komuniikiĝi, interkompreniĝi kaj uzi en radioamatorismo.

La ideo estis bonvena kaj pluraj dankis pro la informoj ĉar oni ofte aŭdas pri nia radioklubo sed ne bone scias kion ni faras.

Yordán Fonseca/CM2YGO

## Esperantista radiostacio funkciis ĉe la Ruĝa Kruco okaze de uragano Irma

En reprezento de la Grupo Esperanto-Ruĝa Kruco kaj de la Radioklubo Esperanto, Javier Ramos Nistal (CM2MM) kaj Fráncel Briel Gil (CL7FBG), – esperantistoj, radioamatoroj kaj ruĝkrucanoj – aktivigis la stabejon por urĝoj okaze de katastrofoj ĉi-foje en preparo por eblaj damaĝoj okazontaj dum la uragano. Ili muntis la kluban radiostacion CO9BNN en la Provinca Sidejo de la Ruĝa Kruco en Havano, kiu funkciis antaŭ, dum kaj post la trapaso de Irma.
Kvankam la vetero estis tre malbona, fortaj ventoj, pluvego, inundoj en la Havana moleo ktp. Feliĉe ni sukcesis plentempe havi la komunikilojn aktivaj eĉ dum la plej malfacilaj momentoj por samtempe informi al la direktorganoj de la lando, la sukuristojn de la Ruĝa Kruco, aliajn provincojn, la Havanan reton de radioamatoroj, la Civitanan Defendon kaj ĝian radiostacion CO9DCN pri ĉio okazanta dum la uragano. Esperantistoj kontribuis eviti mortojn dum la uragano. Fráncel Briel Gil



Foto dekstre: Javier Ramos Nistal kaj Fráncel Briel Gil
dum la funkciigo de la radiostacio CO9BNN en la Provinca Sidejo de la Ruĝa Kruco en Havano.
Foto: Arkivo de KLERA.

## Movada Fojro en KEA

Surbaze de la ideo por maksimuma uzo de la tempo kaj la spaco por disvastigi la internacian lingvon Esperanto, kune kun la aplikado kaj praktiko de iu hobio, la 29an de aprilo en la nacia sidejo de KEA, oni profitis la programeron "Movada Foiro" kie estas plano ĉiumonate prezenti fakgrupojn, klubojn kaj similajn e-grupojn, kiuj aplikas esperanton. Kelkaj membroj de la Speciala Radioklubo de KEA interŝanĝis ideojn kun esperantistoj el Havano, en agrabla etoso, kiu vekigis intereson al nia hobio kaj nia formo uzi Esperanton. Ni parolis pri la rilato inter esperanto kaj radioamatorismo kaj specife pri la kreado de nia Radioklubo (CO9BNN - Voksigno de la Kluba Radiostacio) kaj de KLERA (Kuba Laborgrupo de Esperantistaj Radioamatoroj).
Dum preskaŭ 5 jaroj tiu ĉi miksaĵo de Esperanto kaj radioamatorismo estas en pluraj aranĝoj faritaj, kaj ĉiutage plifortiĝas la kialo de ĝia kreado: Alporti Esperanton al radioamatorismo, kaj tiel motivigi al la kubaj radioamatoroj interesiĝi pri lernado de Esperanto cele al kunlaboro, aplikado kaj interŝanĝo uzante por tio Esperanton.
Pluraj demandoj venis el la publiko, kiujn en venontaj numeroj ni respondos. Nome:

- ✓ Kiuj estas la celoj de la grupo?
- ✓ Kion vi faras?
- ✓ Kiel mi povas aparteni al tiu grupo?
- ✓ Kiel mi povas fariĝi radioamatoro?
- ✓ Kiajn aranĝojn vi jam faris?
- ✓ Ĉu vi jam kontaktis internaciajn esperantistojn?

Yordán Fonseca/CM2YGO
(el la bulteno Esperanto.cu 2/2017)



## Diplom-Sekcio

Jen sekcio por dieksistoj pri regularoj kaj ĝeneralaj informoj pri radioamatoraj DX-diplomoj.
En ĝi ni ŝatus publikigi regularojn de naciaj diplomoj (ekz. WAS, WAZ, WAJA, DXCC, ktp., ktp). Krome, komentojn pri ili estas tre bonvenaj.
Mi ŝatus komenci per unu el la plej famaj, la DXCC, kiu iomete varias de lando al lando, ekzemple: En pluraj landaj DX-kluboj la ĉefa postulo estas 100 DXCC landoj inkludante sian landon. En aliaj ekzemple en Kubo oni povas inkludi ene de la 100 DXCC Kubon sed ne validas KG4 (Guantánamo, Militbazo de Usono en Kubo) kaj similaj variaĵoj (ekz. En Argentinio) lokaj reguloj validas.
La ARRL angla oficiala regularo por la diplomo vi povas legi ĉe:
http://www.arrl.org/rules-1
Kiom da ili vi jam posedas el tiuj diplomoj? Bonvole sendu vian respondon al la redakcio.

## Esperanto kaj Radioamatorismo en Kubo (1a parto el 4)

Esperanto kaj radioamatorismo unuiĝis en Kubo ekde antaŭ kelkaj jardekoj, ambaŭ fakoj kunlaboris tre forte.
En la unua konfirmebla informo[1], kiun ni havas pri la antaŭa aserto datas de la sepdekaj jaroj de la pasinta jarmilo 20a, kiam Celestino Conde, esperantista radioamatoro de la regiono Ciego de Ávila, organizis sabatajn radiajn rondojn al kiuj oni nomis "Rueda esperantista de radioaficionados".
En la jaro 1988 Kuba Esperanto-Asocio (KEA) organizis la unuan internacian e-aranĝon en Kubo, kiu nomiĝis "Esperanto 88". Kadre de tiu aranĝo oni aldonis la 25an de novembro la radia konkurso "Esperanto 88". Laŭ la senditaj listoj de kontaktoj (radioamatoraj taglibroj) partoprenis proksimume 50 radioamatoroj.
En 1990, dum la 75a Universala Kongreso de Esperanto, la unua kiu okazis en Kubo, ILERA muntas specialan radiostacion T42UK[2], kiu elsendis en Esperanto el la kongresejo (*Palacio de Convenciones en Havano*).

(1) Kiel parto de la dokumentoj trovitaj de la historiisto de KEA, Juan Ramón Rodríguez, oni havas alvokon al la radioamatoroj por ke ili lernu Esperanton, kaj ekzisto de radia rondo de esperantistoj en la regiono de Clego de Ávila, kiu en tiu epoko estis parto de Camagüey.
(2) Unuafoje en Kubo oni uzas la lingvon Esperanton en internaciaj radioamatoraj QSO (kontaktoj) per la stacio T42UK.

Raportis: Yordán Fonseca/CM2YGO kaj Javier Ramos/CM2MM
Kunlaboris: Juan Ramón Rodríguez Gómez

## DX-Pedicioj

Por la amantoj de long-distancaj kontaktoj (DX) kaj ĉasantoj de diplomoj, ni enkondukas tiun ĉi rubrikon kun informoj pri estontaj (DX) ekspedicioj, kiuj povas interesi al vi. Preparu viajn radioaparataron kaj antenojn. Sukceson! EK!

1. **HB0/4Z5LA Liechtenstein** - 4Z5LA estas aktiva en Liechtenstein kiel HB0/4Z5LA en HF-bendoj, plej ofte telegrafie.
2. **JW/DL4APJ - Svalbard** – Torsten, DL4APJ estos aktiva kiel JW/DL4APJ, en Svalbard, IOTA EU - 026, Periodo: 20 - 25 Septembro 2018.
3. **DPØGVN - Neumayer III Station - Antarctica** – Matthias, DH5CW estos aktiva en Neumayer III Station, IOTA AN - 016, Antarctica, Februaro 2018 - Februaro 2019, kiel DP0GVN.
4. **E6ET Niue Island** - Alex 5B4ALX elsendos kiel E6ET el Niue Island, OC - 040, 19a Marto – 2a Aprilo 2019.
5. **YJ0AFU Vanuatu** - Daniel, VK4AFU estos aktiva kiel YJ0AFU en Vanuatu, 25a Decembro 2018 – 8a Januaro 2019. Li elsendos en 6m plej ofte je FT8 sed ankaŭ iom da CW, SSB.

## DXCC La Plej Serĉataj en 2017

CLUBLOG

1. P5DPRK (Norda Koreio)
2. 3Y/B Bouvet Island
3. FT5/W Crozet Island
4. KH1 Baker Howland Islands
5. BS7H Scarborough Reef
6. CE0X San Felix Islands
7. BV9P Pratas Island
8. KH3 Johnston Island
9. VK0M Macquarie Island
10. KH7K Kure Island

### QRZ e-retpaĝoj

QRZ estas unu el la ĉefaj datumbazoj de radioamatoroj en la mondo. Tie oni povas trovi amason da informoj pri radioamatoroj kaj siaj kromaj ŝatokupoj, interesoj kaj profesioj.
Ofte ĉe esperantistoj oni ankaŭ trovas en sia biografio la vorton "esperanto" kiun ni forte rekomendas reklami aldoni en la paĝaro. Ĝi estas bona reklamilo!
Foje oni eĉ trovas malgrandajn informojn pri Esperanto, ligilojn al lernpaĝaroj, emblemojn, skripto horloĝon pri la ILERA-konkurso, e-diplomo, e-konkurso kaj similaj informoj.
Ne maltrafu la ŝancon ankaŭ skribi pri Esperanto en via biografio.

## Esperantokurso por radioamatoroj en la nacia sidejo de la FRC

Fulma kurso pri esperanto okazis en la nacia sidejo de la FRC (Federacio de Radioamatoroj el Kubo). Dum 4 sinsekvaj sabatoj ni prezentis esperanton kaj instruis la lingvon al 4 radioamatoroj e Havano, kiuj interesiĝis pri ĝi. Kiel rezulto el tio unu el ili aliĝis al la TAKE kaj estos parto de la teamo T42E. Simi kurso okazis en Pinar del Río antaŭ 2 jaroj nun ni planas fari similajn prelegojn/kursetoj tra la lando kaze de niaj provincaj e-renkontiĝoj.
Yordán/CM2YGO

Konfirmkarto de T42E (Radiostacio dum TAKE)







Koreaj e-radioamatoroj dum la 9a TAKE 2018

*Ĉu vi jam pagis vian kotizon por la kuranta jaro?*
*Se ne,*
*informiĝu pri via jara kotizo.*
*Via kotizo estas grava por la subtenado de ILERA.*
*Ni antaŭdankas vin pro via frua pago!*
*Alternative ĝiru al UEA-konto:* iler-r
Informoj kaj demandoj sendu al nia Kasisto DF7TZ
kh.schaeffer@gmx.de

## CW esperanta QSO

Esperantlingvaj radioamatoroj estas ne multnombraj kaj nur malmultaj el ili praktikas la Morsan Kodon. Oni uzas la ĝeneralajn Q-kodojn kaj mallongigojn - tamen malpli ofte ol en aliaj lingvoj. La Esperantistoj kun ĝojo kaj senĝene uzas la lingvon dum la esperantaj CW-kontaktoj. Do, oni memvole ne hastas ĉar ne konsideras temporabon babiladi tiuokaze. Tio okazas dum la Ilera konkurso, kiam oni uzas CW-kontaktojn por babili. Por antaŭscii kiu pretas uzi Esperanton helpas la interreta listo de membroj de ILERA.

### Ekzemplo de QSO

**A:** cq cq cq de aa1aa cq cq cq de aa1aa cq cq cq de aa1aa aa1aa k

**B:** aa1aa aa1aa de bb1bb bb1bb bb1bb k

**A:** bb1bb bb1bb de aa1aa = saluton kaj dankon = mi ghojas pri la qso = nomo james james en boston, ma boston, ma = mi vidas en la ileran liston ke vi estas eisto = chu ne? bb1bb de aa1aa bv k

**B:** aa1aa de bb1bb = r r dankon kaj bt = nomo haiming haiming el pekino pekino = jes mia ilera nro estas 987 = mi nur estas qrv en cw = tx 100w ant gp = wx malvarma kaj bruma 0 c = chu? k

**A:** r r de aa1aa = tx ft2k ant yagi 5 el wx pluvo 5 c = bv sendu qsl karton je arrl bk

**B:** Jes mi sendas karton = bv skribu vian ileran nron en la karto pro la ilera diplomo = chu bone? bk

**A:** de aa1aa = jes mi sendos konforman qsl je arrl = bonan shancon al vi pro viaj diplomoj = qru = dankon pro la qso kaj ghis reaudo 73 + bb1bb de aa1aa kn

**B:** de bb1bb dankon pro chio kaj 73 kaj ghis baldau + aa1aa de bb1bb sk

### Konfirmkarto? Ĉu QSL?

Subtenu ankaŭ la movadon petante la ILERAn diplomon, eĉ se vi mem ne multe emas al diplomoj. Do ne forgesu identigi vian karton per Esperantaj simboloj aŭ teksto.

### Supersignoj? NE dankon!

Bedaŭrinde Esperantistoj diskutadas tro ofte pri ĉapelitaj leteroj. Kiamaniere sendi ilin telegrafe? En libroj aŭ aliaj publikaĵoj oni eble trovas:

ĉ -.-..
ĝ --.-.
ĥ ---- (iafoje -.--.)
ĵ .---.
ŝ ...-.
aŭ .- ..--

Tio estus bona se vi estus certa ke la radioamatoro al kiu vi komunikas ankaŭ konas ĉi-specialajn morsajn leterojn. Sed tio okazos tre verŝajne neniam ĉar nur malmulto el ni radioamatoroj konas kaj volas tion. Mi do malkonsilas ilin.

Iksa sistemo: Ĉu vi preferas iksi? Ankaŭ bonege sed mi observis ke al kelkaj Esperantistoj ĉi-sistemo ne plaĉas al ili, tial mi nur uzos ĝin se mi konas bone la komunikanton. Speciale al la amikoj de la frua komputila kultura plaĉas la ikso-uzadon. Hodiaŭ la plej gravaj kaj popularaj sistemoj por komputiloj uzas Unikodon denaske.

Zamenhofa sistemo: ne kritikebla ĉar la prapatro de Esperanto proponas ĝin. Aŭ ĉu vi havas malfacilecon je 5, S, aŭ H? En ĉi-kazo eble QRS helpas. Ne uzi supersignojn kaj sendi ne Ŝ, Ĝ, ktp. sed nur S, G. Ankaŭ tio funkcias sufiĉe bone.... Do, mi proponas: Ne zorgu tro pri supersignoj sed uzu Esperanton ankaŭ telegrafe.

Se vi sendas helpe de komputilo aŭ se vi uzas aliajn digitalajn modojn, ne uzu supersignojn ĉar via programaro ofte ne eblas traduki la ĉapelitajn simbolojn korekte.

fonto:
http://www.eucw.org/op.html
http://www.eucw.org/op/eo/qso.html
ligilo aŭdaĵo CW en Esperanto
http://leradiofil.com/radioamatoro.mp3
pdf-dokumenton: morsakodo.pdf
https://groups.yahoo.com/neo/groups/esperanto_amatoroj/files/esperantamorsakodo.pdf

## Speciala radiostacio T42E aktivis dum la 9a TAKE

Agrabla surprizo por la kubaj radioamatoroj estis scii ke geedza paro de koreaj radioamatoraj esperantistoj partoprenis, temas pri Daebong Jean/DS2DEK y ChoMyungJa/DS2EDR.

La kubaj radioamatoroj okaze de la congreso muntis specialan radiostacion kun la voksigno T42E, kiu estis akitva ĝis la 25an de februaro. Ni elsendis en HF ĉiuj bendoj, ni faris multajn kontaktojn (QSO) kun naciaj kaj internaciaj kolegoj al kiuj ni sendis konfirmkarton (QSL) dezegnitaj kaj printitaj danke al helpo de la LKK de la 9a congreso, ĝi havis amason da informoj pri Esperanto, la congreso, radioamatorismo, KEA kaj la amerikaj landoj kaj flagoj.

Kiel parto de la kleriga programo de la congreso ni presentis prelegojn pri radioamatorismo. Yordán Fonseca/CM2YGO prelegis pri "Esperanto en la kuba radioamatorismo" la publiko ricevis informojn pri la unuaj ligoj inter esperanto kaj radioamatorismo en la 70aj jaroj, pri la laboro de la speciala radioklubo Esperanto (CO9BNN) ekde la fondiĝo en 2013 ĝis hodiaŭ. Ankaŭ Javier/CM2MM Yordán/CM2YGO apogitaj de Guillermo/CO8WG, Conesa/CO8XZ kaj Briel/CL2FBG faris praktikan prezenton pri kio estas radioamatorismo. Tie oni prezentis libreton tradukita de 8 kapa teamo, multajn fotojn pri radiaj aranĝoj de la grupo dum la lastaj jaroj kaj ĝenerale eksplikis kio estas radioamatorismo.

Ĵurnalisto el la televido kiu raportis pri la congreso ankaŭ filmis kaj informis pri ni kiel speciala fakgrupo ene de la esperanta movado, li intervjuis Yordán/CM2YGO, tiu intervjuo estis poste prezentita en la Canala Caribe.

Menciindas la partopreni de ĉiuj kubaj esperantistaj radioamatoroj entute enskribiĝis 16 radioamatoroj el 8 provincoj kio prubas la forto de Kuba Esperanto-Asocio en la kuba radioamatorismo kaj la intereso kiu vekas la lingvon Esperanton ene de la radioamatora komunumo.

Interesa raporto pri la radiostacio estis verkita kaj aperis en la retejo de la FRC:
[https://frcuba.cu/filiales/la-habana/t42e-en-congreso-panamericano-de-esperanto.html](https://frcuba.cu/filiales/la-habana/t42e-en-congreso-panamericano-de-esperanto.html)

Ekde 2004 kubo ne estis sidejo por simila congreso, pri tiu congreso ankoraŭ ni memoras pri germanaj radioamatoroj kiuj vizitis la sidejon de la FRC. La planoj por plifortigi la rilatojn inter la radioamatoroj kaj la esperantistoj plu daŭras, la faka agado de KEA plu iras antaŭen per nia grupo, planoj por la estonteco amasas. Kiel adiaŭas dum radiaj paroladoj niaj kolegoj el la centra kaj orienta regiono "**Ĝis la venko ĉiam**"

**Yordán Fonseca/CM2YGO**

## Nova Esperanta Radioamatora Klubo

Naskiĝas en la gubernio Fukuŝima en Japanio nova esperanta Radioamatora Klubo…

Post konsiliĝo en regula kunsido en majo 2017 de Esperanto-Klubo de Fukuŝima, en kie kiel vizitanto, s-ro Alan (el Australio, VK2MOM) kaj s-ro Rolf (el Svisio) ĉeestis, la fondiĝo de nova Esperanta Ham klubo-stacio realiĝas en Julio.

Nova membro de EKAROJ en Fukuŝima, Tony (Anthony J. Gillan, usonano, KF7REL) agados kiel nova Esperanta Radioamatora-klub-stacio sub la voksigno JE7ZDP.

Nova Esperanta Radio-klub-stacio baldaŭ funkcios ĉe lia domo post aranĝo de anteno kaj radio-aparato.

Reprezentant(in)o de Esperanta Radio-Klubo; SHIRAIWA Emiko, JR7AHL

Uz-frekvencoj: 430MHz, 3.5~28MHz, 50MHZ

**Jojo/JA1FXZ**

Fonto: EKAROJ DX Novaĵo, la 11a de julio 2017.

[https://www.facebook.com/groups/1760994577263733](https://www.facebook.com/groups/1760994577263733)

[https://eo.wikipedia.org/wiki/Kategorio:Amatora_radio](https://eo.wikipedia.org/wiki/Kategorio:Amatora_radio)

Partoprenu en la kunsido dum la 103a UK en Lisbono 2018.



## KUNLABORO

Tiu substantiva vorto estas kunmetaĵo kreita per la kuniĝo de du aliaj vortoj: unu estas KUN, prepozicio kiu signifas: akompanon, kune esti; la alia estas vorto derivita de la verbo LABORI; el ĝi devenas la substantivo LABORO, kiu signifas: uzi siajn korpajn aŭ mensajn fortojn por produkti aĵon, plenumi taskon aŭ atingi efikojn, fizikajn aŭ mensajn.

La vorto KUNLABORO enhavas ideon pri kooperado por atingi difinitan celon, estu ĝi ekonomia, socia aŭ kultura. Kunlabori estas kunhelpi alian personon aŭ asocion, por faciligi al tiu ĉi atingi siajn celojn, aŭ efektivigi siajn revojn aŭ planojn. KUNLABORO estas tre nobla kaj laŭdinda sinteno.

Kiam ni kunlaboras ni sentas nin kontentaj kaj feliĉaj, ĉar ni fariĝas utilaj kaj helpemaj. Se vi ne kredas je la valoro kaj utileco de kunlaboro, pripensu pri kio okazas al iu veturilo (vagono, kamiono, aŭtomobilo, ĉaro ktp.) se unu el la radoj decidas ne plu kunlabori; se ĝi rompiĝas aŭ ĉesas funkcii. Certe okazos akcidento, ĉu ne? Eĉ malgranda kunlaboro estas efika. Observu kio okazas kiam malgranda radeto de via horloĝo faras strikon. Via horloĝo ĉesas funkcii kaj tio certe multe ĝenos vin! Rimarku kiel, en via korpo, la kunlaboro estas deviga kaj ĝi okazas ĉiumomente. La diversaj organoj de via korpo estas ĉiam kunlaborantaj unuj kun la aliaj. Se unu organo ne kunlaboras kaj malbone funkcias, certe vi malsaniĝos kaj bedaŭros ke via koro, aŭ via hepato, aŭ via reno, aŭ viaj pulmoj ne volas kunlabori por via bonfarto.

En la esperantista movado kaj specife en ILERA, tre gravas KUNLABORO kaj oni povas kunlabori diversmaniere. Ni kunlaboras se ni pagas akurate nian jar-kotizon; se ni partoprenas en la kunsidoj, konkursoj kaj rondoj; se ni sendas novaĵojn kaj komentojn al redaktoro de ILERA-Bulteno; se ni disvastigas nian asocion en kiu ajn medion taŭgan; se verkas au helpas en la pretigado de terminaroj, ktp.

Mi estas tre favora al la kunlaboro de esperantistoj kun ne esperantistaj organizaĵoj, ĉar, ĝenerale, la ne esperantistaj asocioj havas pli fortan povon ol niaj esperantistaj kluboj. Do laueble partoprenu kaj kunlaboru en okazido de radiomatoraj eventoj kaj foiroj ne esperantistaj.

Do, se vi volas senti sin utila, vi nepre devas esti helpema kaj kunlaborema, ĉar per via kunlaborado al la Esperanto-Movado kaj al ILERA vi certe fariĝas tre kontenta kaj feliĉa homo. Ni laboru kune!

Karaj gelegantoj, ankoraŭ foje, ILERA atingas vin kun plej diversaj informoj: diplomoj akireblaj, rezulto de ILERA-Konkurso, DX-pedicioj, la movado en Kubo, ktp...

Pro tio, jen ILERA-Bulteno 77a por prezenti al niaj karaj esperantistaj radioamatoroj iom da esenco pri kio ni laboras pere de Esperanto, ĉi lingvo kiu ne havas barojn kaj rompas la limojn de la tempo kaj de la spaco, kiu pripensigas nin kaj plibonigas nian vivmanieron. Kion vi atendas por kunlabori?

Ni atendas vian reagon kaj kunlaboron!

Adaptita de samnoma artikolo en la Trimonata Bulteno de Spiritisma Eldona Asocio F. V. Lorenz, verkita de prof. Alberto Flores, eks-rektoro de la Federacia Universitato de Juiz de Fora, MG, Brazilo.

## Programo JT65

Al ĉiuj esperantistaj radioamatoroj mi volas proponi uzadon de la Programo JT65 kaj aliaj diĝitalaj programoj por vigligi agadojn de esperantistaj radioamatoroj.

Precipe inter programoj mi rekomendas al ĉiuj esperantistaj radioamatoroj kutimiĝi en uzadon de JT65 ĝis venonta Esperanto-konkurso. Lastatempe kondiĉo de radio-ondoj estas tre malbonaj kompare kun lastaj dekkelkaj jaroj, ni ĉiuj radioamatoroj sentas malfaĉilaĵojn kapti kurtajn ondojn nur per radioaparatoj.

Ni ankaû ne havas grandan bonan antenon por kapti radio-ondojn, kiuj venas el malproksimaj landoj.

Preskaû ĉiuj esperantistaj radioamatoroj agadas en etero uzante malgrandajn antenojn. Se iu uzas la programojn diĝitalajn, ili povas kapti malgrandajn kaj malfortajn radio-ondojn, kiujn oni ne povas kapti eĉ per orelo. Cetere por multigi radioamatorojn en esperantujo, la uzado de diĝitalaj programoj estas necesa, mi kredas.

Kiam ni varbos novajn radioamatorojn, tiam ni povas diri nuntempe radiokontaktado estas tre facila per deĝitalaj programoj, tial ni sukcese gajnos novajn radioamatorojn multajn.

Ni ĉiuj, membroj de grupo Esperanto-Radio-amatoroj en Yahoo, eble plejparte estas membro de ILERA, unue diskutu kaj decidu, sekve kutimiĝu kaj praktike uzu la programojn por ESPERANTO.

**Dorido - JI1WCL**

# Pri la Programo HamSphere




Mi esploris pri la programo HamSphere, kaj eltrovis, ke ĝi estas virtuala radiokomunikilo nur per komputiloj (kompreneble sub kelkaj operaciaj programoj).
La programo tute ne bezonas radio-ondojn, radioaparatojn, nek antenojn.
Nur uzante interreton faras komunikadon, en tiu punkto tute simila al SKYPO.
Eĉ se iu ne havas licencon de radioamatoro, cetere oni ne bezonas radioaparatojn kaj antenojn, li povas fari kontakton nur per utiligo de la programo kaj komputilo.
Sed oni bezonas pagi kotizon por uzi la programon dum unu jaro ĉirkaŭ tridek dolaroj.
Se iu volas sperti manipuladon de radioaparaton sen licenco kaj aparatoj, la programo estus iom taŭga por radiokomunikado. Pliajn informojn trovu ĉe:

http://www.hamsphere.com

**Dorido/JI1WCL**










## INTERNACIA KALENDARO

**Internacia Radioamatora Konkurso de ILERA** ekde 00:00 horo la 17-an de nov. ĝis 23:59 la 18-an de nov. – en ĉiuj radioamatoraj bendoj plus Echolink. Estas rekomendite uzi la Esperantajn frekvencojn: 3.766 MHz, 7.066 MHz, 14.266 MHz, 21.266 MHz kaj 28.766 MHz. Pliaj informoj ĉe ILERA, Internacia Ligo de Esperantistaj Radioamatoroj,
Hans B. Welling, zum Ortenbrink 42, DE-49205 Hasbergen, Germanio - radioonde DJ4PG.
dj4pg@t-online.de
Fonto: Revuo Esperanto Julia numero 2018

**En la venonta numero:**
Konfirmkartoj
Kuba-usona fiksia filmo pri radioamatoroj "Sergio & Sergei".
Gratulvortoj en la retpaĝo de la FRC pro la Esperanto-tago 2018
Historio Esperanto kaj radioamatorismo en Kubo (2a parto el 4)
Kunsido dum la UK en Lisbono

**Rubrikoj:**
DX-Pedicioj
Tekniko
Diplomoj: DXCC

**TEAMO:**
Redaktado kaj enpaĝigo:
*Javi*/**CM2MM**
Redaktado, verkado:
*Enivaldo*/**PT2CA**
Lingva kontrolo:
*Hans*/**DJ4PG**

**KONTRIBUOJ** sendu al PT2CA
enivaldo.silva@gmail.com
kopie al CM2MM
co2mm@frcuba.cu